11-a jaro. — N-ro 8-9 (126-127) Aug.-Sept. 1925.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro ;

**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :

**H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.**



**JARA ABONPREZO : Fr. 10.—**

**EKSTERLANDE : Fr. 12.50**

ANTVERPENO

1925

11a JARO. N-ro 8-9 (126-127) AUG.-SEPT. 1925.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto: FRANS SCHOOFS 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen Telefono 513 74

Abonoj kaj Monsendoj FERN. MATHIEUX 94. Avenue Bel-Air, Uccle Postceko No 39984.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## La 17a Universala Kongreso de Esperanto en Genève.

Alvenante en la kongresurbo la kongresanoj estis akceptataj en malgranda oficejo,kiun ni povus nomi la antaŭ-akceptejo,— lokita kontraŭ la stacidomo Cornavin —, kie ĉiuj ricevis sian dokumentaron (kongreskarton, kongreslibron, programon, planon kaj gvidlibron de la urbo, k. c.) kaj kie estis aĉeteblaj ĉiuj aliaj rajtigiloj kiel teatra, dancfesta, tramvoja biletoj.

Tiu «afera» oficejo funkciis nur la du unuajn tagojn de la kongreso, t. c. dum la ĉiuhora alvenado de la alilandaj esperantistoj.

Provizita de la urboplano, sur kiu estis en Esperanto notitaj ĉiuj lokoj, kiuj speciale interesas la kongresanojn, oni tre facile sin direktis.

---

La plej grava fakto de la nunjara kongreso estis do, kiel niaj legantoj ja scias, la organizo de la «somera universitato». Ni tuj diru, ke la provo farita en Genève plene sukcesis kaj inde kronis la klopodjn inaŭguritajn per la organizo de la antaŭaj sciencaj konferencoj; ĝi ree pruvis nediskuteble la ekziston de vivanta lingvo internacia.

La 31an de Julio okazis en la granda amfiteatro de la Geneva universitato, la solena inaŭguro de la kursoj kiujn sekvis pli ol 500 studantoj el 23 diversaj landoj.

Profesoro Bovet, direktoro de la pedagogia instituto J. J. Rousseau, faris la malferman paroladon en Esperanto, je la nomo de la Rektoro. «La intelektuloj kaj la scienculoj — li diris — klopodas por legi multajn fremdajn lingvojn, sed tre malofte ili havas la tempon por parole ekzerciĝi. Esperanto donas al ili la okazon por sekvi instruadon parolan al internacia aŭdantaro. La hodiaŭa sperto estas promesplena.

Nia eminenta, maljuna, sed ankoraŭ energia pioniro, S-ro Th. Cart,

Prezidanto de la Esperanta Akademio, profesoro en la Lernejo de politikaj studoj de Parizo, per belega parolado en Esperanto — poste redirita en franca lingvo — akcentis la vivantan karakteron de Esperanto. Tiu parolado estos presata en nia proksima kajero.

Poste ni aŭdis kolonelon Inglada, profesoro en la supera militlernejo de Madrid, kaj patron Carolfi, prezidanto de la Internacia Asocio de katolikaj instruistoj. Profesoro Wonn Kenn, de Kantono, parolis pri la penso de Konfucio.

---

Dum la tuta daŭro de la kongresa semajno, matene, funkciis la universitata kursaro. Ne eble estas priparoli ĉiujn lecionojn kaj prelegojn. Ni citu nur la temojn kaj la nomojn de la profesoroj atendante la aperon de la plena tekstaro, kiun oni dum la kongreso, decidis eldoni:

| Temoj: | Profesoroj: |
|---|---|
| Evoluo de la Esperanta vortaro (2 lecionoj) | S-ro Stojan |
| La Instinktoj de la Infano | D-ro Bovet |
| Psikagogio, kulturo de la spirita forto | D-ro Baudouin |
| Evoluo de Telefonio (kun lumbildoj) | Inĝ. Isbrücker |
| Universala Poŝta Unio. | D-ro Spielman |
| Universala Telegrafa Unio (2 lecionoj) | D-ro Spielman |
| La Instinktoj de la Infanoj kaj ilia signifo je edukado | D-ro Bovet |
| Esperanta Sintakso (2 lecionoj). | D-ro Dietterle |
| Psikanalizo kiel metodo kaj teorio. | D-ro Flügel |
| Evoluo de la homa menso laŭ psikanaliza vidpunkto. | D-ro Flügel |
| Psikagogio, kaj kuracado de la menso | D-ro Baudouin |
| Internacia Ruĝa Kruco. | S-ro R. Horner. |
| Radiotelefonio. | Inĝ. Isbrücker |
| Edukadaj kaj sociaj aplikoj de Psikanalizo. | D-ro Flügel. |
| Metodoj de Esperanta Instruado. | D-ro Dietterle. |
| Sismologio, la lastaj tertremoj. | Prof. Inglada-Ors. |
| Strukturo de la Ligo de Nacioj. | D-ro E. Privat. |

---

Sabaton posttagmeze okazis vizito al la Laboroficejo de la Ligo de Nacioj, kie S-ro Tarelli afable kondukis kaj donis al la vizitantoj la necesajn klarigojn. Samtempe kunsidis en la aŭlo de la komerca lernejo, la Internacia Scienca Asocio.

Vespere okazis familia kunveno en «Ĝardeno de la Bastionoj», kiu tiuintence estis feste lumitiga dank'al la Asocio de la Interesoj de Genève. Dum gaja koncerto la kongresanoj ĝuis la plezuron renkonti korespondantojn aŭ revidi malnovajn konatojn, precipe kongresamikojn.

---

Dimanĉon matene okazis diservoj katolika kaj protestanta kun prediko en Esperanto. S-ro Patro Carolfi parolis en la Preĝejo Nia Sinjorino

kaj S-ino Paul Blaise-Jones predikis en la ĉefpreĝejo Sankta Petro, en la katedro de Calvin. Notinde estas, ke de la jaro 1700 nia samideanino estas la dua virino, kiu predikis el tiu katedro. Dum tiu tempo la framasonoj esperantistaj estis akceptataj en la Templo de Genève.

---

Post laŭprograma promenado en rezervita aleo sub la arboj en Parko des Eaux-vives, kiu fakte okazis...... pro la energia pluvado...... en la akceptejo, aranĝita en la grandega salono de la Elektada Domo, kaj post prepara kunsido de Konstanta Reprezentantaro kun Centra Komitato, okazis vespere la

## SOLENA MALFERMA KUNSIDO,

en la luksa Victoria-Hall, kie antaŭ 19 jaroj D-ro Zamenhof malfermis nian duan kongreson internacian.

Laŭkutime, ĉiuj kongresanoj ĉeestis tiun kunvenon, kiu estas ĉiam la plej impona manifestacio de niaj jarfestoj.

Post orgenludo de nia himno «La Espero», S-ro Stettler, Honora Prezidanto de U. E. A., malfermis la kongreson per belega parolado dum kiu li speciale montras la karakteron de la nuna kongreso, kiu ĉefe celas pruvi la praktikan uzeblecon de nia lingvo: ĝi tion pruvos per la okazonta Somera universitato.

S-ro André Oltramare, Fakestro de la Publika Instruado de la Respubliko Genève, oficiala delegito de la Svisa registaro kaj de la estraro de Genève, tiam parolis elokvente kaj belstile pri la utilo kaj efikeco de Esperanto. Ni ne deziras difekti tiun admirindan paroladon, komentante ĝin. Ni prezentas ĝin originale en nuna numero, kun traduko en flandra lingvo. Per ĝi niaj legantoj sendube povos fari bonan propagandon.

S-ro Stettler dankis la oficialan reprenzentanton pro liaj promesplenaj vortoj kaj proponas, ke la kunveno nomu sian kongresestraron, kiu aplaŭde estas elektata jene:

Prezidanto: D-ro Privat; Vicprezidantoj: S-roj Bovet, Stettler, Cart Hromada, Legrand, Merchant, Niŝimura, Vogt, Warden; Sekretarioj: Kreuz, Jacob, Edmonds, Ĉe, Stroele.

S-ro Privat faris altsentan paroladon, skizantan la idealan celon de nia Majstro, la nunan staton de nia movado kaj la devon de ĉiuj esperantistoj. Ankaŭ tiun ĉi alparolon ni intencas plentekste prezenti al niaj legantoj en unu el niaj proksimaj numeroj.

Flankumata de du flegistinoj blanke vestitaj parolis en Esperanto S-ro P. Desgouttes, vicprezidanto de la komitato de la Ruĝa Kruco.

La kongreso aŭdis diversajn ŝtatajn reprezentantojn:

S-ro Hugo Haan, por Aŭstrujo;

S-ro Gürich, por Germanujo;

S-ro Kolonelo Inglada, kaj J. Mangada por Hispanujo;

S-ro Grafo D-ro Amedo Ponzone, por Italujo;

S-ro Isbrücker, por Nederlando;
S-ro Grafo Morstyn, por Polujo;
S-ro P. Comnène kaj H. Ficher, por Rumanujo;
S-ro Furakaki, por Ligo de Nacioj;
kaj jenajn delegitojn de gravaj institutucioj
S-ro Tarelli, Internacia Laboroficejo;
S-ro Generalo Delcambre, Internacia Meteorologia Komitato;
S-ino Dave H. Morris, Asocio por Internacia Helplingvo.

Poste la Sekretario legis liston de kvardeko da diversaj aŭtoritatoj kaj institucioj, kiuj sin reprezentigis, sed kies delegitoj ne insistas paroli pro manko de tempo.

Kaj tiam sin sekvis sur la estrado aro de 31 parolantoj de la naciaj asocioj. Por Belga Ligo Esperantista parolis S-ro F. Schoofs. Li diris ĝis revido en Antverpeno post 3 jaroj, aludante tiel la konsenton de la Centra Komitato pri la invito de nia nacia Asocio, rilate la elekton de citita urbo por kongresi en 1928.

S-ro Privat dankis la ĉeestantojn. La orgeno ree sonigis la solenan melodion de «La Espero» kaj la kunveno estas fermita.

---

Lundon matene kunvenis la komitato kaj ĉefdelegitoj de U. E. A. kaj la Lingva Komitato. Posttagmeze la kongresanoj ekskursis sur la lago Leman per bela turista ŝipo flagornamita. Dum la veturado, favorata de rava vetero, ili ĝuis la mirindajn bordojn de la Ĝeneva lago, kaj havis bonegan okazon por gaja interbabilado kaj por novaj interkonatiĝoj. En la ferdeka kajuto kunvenis kelkaj organizaĵoj Esperantistaj, inter alia la Centra Komitato kaj la komercistoj.

---

La tradicia kostumbalo kunvenigis denove la gekavalirojn de la verda stelo en la Elektada Domo, kie ilin akceptis solene la membroj de la Centra Komitato. Gaja intima atmosfero regis la tutan vesperon malgraŭ tio, ke kelkaj spertuloj pretendis, ke la muziko ne estis sufiĉe forta por subteni la dancadon kaj la planko ne sufiĉe glata. Kelkaj tipaj naciaj kostumoj donis al la salono belan kaj agrablan aspekton.

---

Mardon matene okazis kunlabora kunsido de Centra Komitato, Konstanta Reprezentantaro, Komitato de U. E. A. kaj Lingva Komitato.

Je la 8 1/4 h. vespere havis lokon en la Victoria Hall la labora kunsido, kiun prezidis D-ro Privat.

S-ro prof. Cart prezentis la raporton de la Akademio kaj Lingva Komitato. S-ro Privat komentas la raporton de la Int. Centra Komitato, kiu donas klarigojn pri diversaj interesaj temoj: universalaj kongresoj, Esperanto en telegrafa kaj radia fakoj, teknikaj konferencoj, rilatoj kun K. R. kaj U. E. A., administrado, propaganda vojaĝo de S-ro Ĉe, kaj financoj.

Li anoncas oficiale la decidon de I. C. K. pri la estontaj kongresoj: Edinburgh por 1926, Danzig por 1927, kaj Antverpeno por 1928.

Ĉi tie ni akcentas, ke la decido pri la granda Belga havenurbo por la kongreso de 1928 estas tute definitiva, kvankam komunikoj en poste aperintaj gazetoj lasis dubon pri tio.

S-ro Blaise parolas pri la raporto de U. E. A. kaj konstatinte la grandan utilon de tiu asocio, faras varman alvokon por aliĝo al ĝi. Li komunikas ke iu kongresano, kiu deziras resti nenomata, donacis Sv. Fr. 1750.— al U. E. A. kaj alian grandan donacon al Lingva Komitato.

S-ro Merchant prezentas raporton de K. R., kiu ĵus decidis pri sia interna regularo.

S-ro Applebaum raportas je la nomo de la Komitato por starigo de monumento al Zamenhof.

Ĉiuj supre cititaj raportoj estis presitaj en la Kongresa Libro. La Kongresanoj havis do okazon por antaŭe legi kaj pristudi ilin.

S-ro Stroele deziras, ke en la dokumentaro, kiun publikigos la C. K. estu ankaŭ presotaj la Deklaracio de Bulonjo kaj la Regularo de Lingva Komitato.

S-ro Ŝapiro apogas, plie li esprimas la deziron ke estu daŭrigata la monkolekto por Zamenhofa monumento, kaj petas kial U. E. A. daŭrigas la uzadon de «io» en la landnomoj post la koncerna malaprobo de Lingva Komitato.

S-ro Privat diras, ke la Deklaracio kaj la Regularo de L. K. jam aperis aliloke kaj ke la Akademio mem ne deziras, ke tiu Regularo aperu en la dokumentaro ĉar ĝi ekzistis antaŭ la kontrakto de Helsinki kaj ne dependas de ĝi.

S-ro Nicolaŭ petas, ke la raportoj oficialaj estu sendotaj ĝustatempe al la naciaj societoj por ke ili estu priparoleblaj antaŭ la kongreso.

S-ro Dalmaŭ proponas, ke oni tuj kolektu la necesan monon por presigi la prelegojn de la Somera universitato.

S-ro Rockmann salutas la kongreson je la nomo de la urbo Magdeburg, kiu ĵus decidis enkonduki Esperanton en ĉiuj lernejoj de la urbo.

S-ro Wiesenfeld proponas du malgrandajn amendojn en la raporto pri Zamenhofa monumento.

La kunveno akceptis unuanime la raportojn de Lingva Komitato, Centra Komitato kaj U. E. K. Poste ĝi unuanime voĉdonis pri jenaj rezolucioj:

1. Por komenca normaligo kaj pli vasta diskonigo kaj pligravigo de la Internacia Universitato, kaj samtempe enkonduko kaj interesigo de Esperanto en studentajn kaj sciencajn ĝeneralajn rondojn, la kongreso deziras, ke ĉiuj prelegoj de la unua funkcia periodo estu publikigataj je aparta volumo; unua eldonaro de la Esperanto-universitato.

2. La XVIIa Universala Kongreso de Esperanto salutas la rezolucion de S-ro Behrendt, akceptitan en la Scienca Konferenco de Paris (majo 1925), kaj ankaŭ siaflanke petas la kompetentajn organizajojn de la Esperantomovado, ke ili kolektu la deziratan adresaron ĝis la fino de ĉi tiu jaro.

3. La Kongreso rekomendas daŭrigi la monkolekton komencitan de

la Monumenta Komitato. Pri la uzo de la kolektita mono decidu la monumenta komitato mem.

---

Merkredon vespere ni ĉeestis la « Literaturan Vesperon » en la Granda Teatro. Okazis reprezentado de «Ginevra», versa dramo de Edm. Privat. La teatraĵo mem estas jam bone konata kaj unue reprezentita en 1913, dum la kongreso en Berno, de Antverpenaj aktoroj. La temo estas tirita el la Kelta legendo pri la Ronda Tablo de Reĝo Arturo. Ludis artistoj de Budapest kaj de Nürnberg. Ni ne estas sufiĉe spertaj en teatra arto por analizi la ludadon de la aktoroj. Nur estas kritikebla la elparolado de kelkaj konsonantoj, kiu je ĉiu momento memorigis la naciecon de la germanaj artistoj. Ni ne dubas, ke estonte oni tre zorgu pri tiu detalo, ĉar nia opinio estas, ke literatura elmontro tiuspeca, dum universala kongreso, devas esti plej klasika laŭ Esperanta vidpunkto kaj precipe devas doni plej modelan elparolon de la lingvo.

La ĝenerala impreso de la reprezentado, tamen, estis tre bona, kaj elvokis varman aklamadon.

La vesperon finigis deklamado kaj kantado de Baghy kaj Sarossy kiuj rikoltis plene meritítan aplaŭdon de la internacia publiko.

---

Jaŭdon je la 9 1/2 horo la kongresanoj vizitis la Palacon de la Ligo de Nacioj, kie en la «Vitra Salono» S-ro Privat faris paroladon pri la Strukturo de la Ligo, kiu multe interesis la ĉeestantojn.

Vespere ni havis en Victoria Hall la ferman Kunsidon de la Kongreso kun solena memorfesto al Zamenhof. Parolis dum tiu kunveno — en kiu ankaŭ partoprenis la du filinojn, Sofio kaj Lidia, de nia bedaŭrata Majstro —, S-ro Privat, S-ino Isbrücker, S-roj Merchant, Blaise, Kreuz kaj Ĉe, pri la vivo kaj pri la verko de D-ro Zamenhof.

S-ro Warden faris varman alvokon por ĉeesti la 18an kongreson en Edinburgo kaj donis kelkajn informojn pri la «Bela Skotlando».

S-ro Julio Baghy deklamis kaj S-ro Sarossy kantis.

Lasta ludado de «La Espero» fermis la kongreson kaj la kongresanoj disiris post reciproka «ĝis feliĉa revido en Skotlando».

Dum la tuta kongresa semajno preskaŭ ĉiuj posttagmezoj, se ne okupitaj per promenado aŭ ekskurso, estis rezervitaj al la Fakaj kunsidoj. Raportoj pri ili aperis aŭ aperos en la specialaj gazetoj. Por la dokumentado ni tamen citu ilian liston: kristanoj, Ruĝa Kruco, poŝtistoj, komercistoj, instruistoj, fervojistoj, policanoj, Bahaistoj, Oomata movado, pacifistoj, studentoj, juristoj, liberpensuloj, teozofoj, stenografiistoj, laboristoj, hebreoj, naturistoj, tabak-kontraŭuloj, vegetaranoj, filatelistoj, societo Konkordo, Subskribintoj al Radiostacio Genève.

---

La ĝenerala impreso de tiu kongreso estis bonega. Ĝi estis trankvila kaj familia. Plie oni sentis ke la organizintoj deziris ĝin organizi laŭ la

rimedoj je ilia dispono, kiuj estis proporciaj al la nombro de partoprenantoj. Tiu nombro estis, kompreneble, ne tiom granda kiom en la kongresoj de Praha, Nürnberg kaj Vieno pro la nura fakto de la alta kurzo de la kongreslanda mono. La organizintoj volis sendeficitan kongreson kaj supozeble ili plene aŭ nur je malgranda diferenco atingis la deziritan rezultaton.

Pro la organizaj detaloj la loka komitato kaj ĝiaj gehelpantoj meritas senrezervajn laŭdon, gratulon kaj dankon.

---

# XVIIe Congrès Universel de l'Esperanto

GENEVE, 2 AU 7 AOUT 1925.

---

## DISCOURS DE M. ANDRE OLTRAMARE, A LA SEANCE D'OUVERTURE.

---

Monsieur le Président,

Mesdames et Messieurs,

C'est un rôle assez peu glorieux qui m'est dévolu ce soir. Dans votre réunion qui devance les temps, je vais être, par le seul fait que je m'exprime en français, le représentant involontaire d'un état presque périmé de la civilisation. J'éprouve un peu les sentiments de ce barbare qui, dans l'antiquité, sur les tréteaux d'un marché romain, devait discourir en son idiome pour exciter la curiosité d'une foule justement orgueilleuse de parler une langue universelle.

Mon excuse, vous la connaissez: je représente ici le petit pays que vous avez choisi pour vous y réunir; il est convenable que je m'acquitte de mes devoirs officiels en saluant, comme de l'extérieur, c'est à dire, dans une langue nationale, les défenseurs du langage international.

Le Conseil fédéral de la Confédération suisse et le Conseil d'Etat de la République de Genève m'ont fait l'honneur de me déléguer pour exprimer à tous les participants du 17-ème Congrès universel de l'Espéranto, leurs souhaits les plus chaleureux de bienvenue.

Genève n'est pas une bien grande ville, mais elle s'enorgueillit d'être, depuis une très haute antiquité, la gardienne d'un pont important dans l'histoire de la civilisation. On n'y voit pas transporter des trésors ni s'y accumuler les marchandises des nouveaux mondes, non! mais c'est par ici que passent depuis des siècles les idées nouvelles qui se répandent en Europe vers le nord ou vers le sud, vers l'Orient ou vers l'Occident; c'est ici que s'échangent des opinions qui peu à peu conquièrent le monde..... Depuis quelques années ce rôle historique a été reconnu, plus universellement, puisque c'est dans notre cité que l'humanité con-

centre maintenant ses efforts persévérants pour s'affranchir du vice le plus pernicieux: la discorde internationale.

Dans la ville de la Société des Nations, vous devez vous sentir chez vous; tous ceux qui ont fait un effort personnel pour apprendre une langue universelle, tous ceux qui consacrent leurs forces à la propagande du mouvement espérantiste prouvent qu'ils possèdent eux-mêmes un véritable esprit international. Trente ans de vie et de succès démontrent qu'il ne s'agit plus d'une utopie mais d'une réalité bien pratique. Votre nombre même dans cette salle, où vous êtes venus de toutes les parties du globe, atteste matériellement les progrès de votre croisade pacifique. Que reste-t-il à faire pour que la victoire soit définitive? Il faut organiser l'enseignement de la langue auxiliaire.

Une expérience de deux années a été faite à Genève dans la dernière classe de nos écoles primaires. Elle a pleinement réussi, en prouvant que des enfants pouvaient se servir avec aisance de l'espéranto après quelques mois de travail; ils prenaient plaisir à leurs leçons, et grâce à leur étude d'une grammaire aussi logique et aussi simple que possible, ils ont appris plus aisément une autre langue. Cette constatation n'est pas miraculeuse: on ne peut pas faire retenir immédiatement à un enfant toutes les exceptions ni tous les illogismes d'un idiome naturel; les nécessités pédagogiques engagent celui-là même qui enseigne une langue classique ou moderne à employer provisoirement une simplification absolument artificielle. L'espéranto, dont tous les moyens d'expression sont simplifiés à l'extrême, peut fournir l'occasion d'un fort utile exercice préparatoire sur le mécanisme logique du langage.

On a cherché à lui opposer le latin. C'est un spécialiste qui vous parle; après un travail de 20 années je ne suis pas encore bien sûr de connaître toutes les ressources de cette merveille linguistique d'une infinie complexité. Le latin est une des plus belles créations collectives de l'humanité; il faut l'étudier en vue seulement d'un immense enrichissement psychologique, comme on éduque son esprit par la contemplation des immortels chefs-d'œuvre du passé; proposer d'en faire aujourd'hui une langue pratiquement universelle, c'est vouloir avec impiété transformer en hall de gare une majestueuse basilique séculaire.

Pour les commerçants qui réclament des moyens plus économiques de publicité et qui veulent correspondre avec un clientèle disséminée dans des régions où les principales langues sont parfaitement inconnues; pour le développement du tourisme et pour la diffusion des découvertes scientifiques, il faut un langage auxiliaire, il faut la «lingvo helpa» que vous préconisez. Le devoir de tous ceux qui veulent sincèrement le progrès humain est de favoriser vos efforts.

Permettez-moi de vous donner un conseil pratique. Pour achever votre conquête, procédez par étapes et évitez de créer un malentendu. L'enseignement à organiser ne doit nuire en rien à celui des langues maternelles ou même à celui des langues classiques ou étrangères. Que

l'espéranto se limite au rôle de véritable auxiliaire des autres moyens d'expression! Que son étude ne soit imposée tout d'abord qu'aux élèves qui en comprennent le mieux l'utilité immédiate pour eux-mêmes. J'approuve donc sans réserve la résolution de la dernière Conférence de Paris réclamant «que l'espéranto soit obligatoirement enseigné dans les écoles commerciales du monde entier». C'est par là qu'il faut commencer. Est-ce impossible que l'entreprise soit tentée simultanément par un grand nombre de pays? Je ne le crois pas. Le Conseil d'Etat genevois m'a chargé de vous faire savoir que, si vous jugiez venu le moment opportun, il était prêt à suggérer à l'autorité fédérale la convocation d'une conférence internationale plus officielle que celle dont, en 1922, l'institut J. J. Rousseau de Genève avait pris l'initiative.

Nous désirons collaborer à tout effort collectif destiné à rendre la Société des Nations plus semblable à l'idéal merveilleux que l'humanité concevait à la fin de la guerre; Genève étudie actuellement la création d'un institut universitaire, où les problèmes de politique internationale seront étudiés dans la plus sereine objectivité; elle serait heureuse de pouvoir aider à développer parmi les hommes un nouveau moyen de compréhension mutuelle. Répandre l'enseignement de l'espéranto, c'est peut-être une des méthodes les plus pratiques de préparer une jeunesse dont toutes les aspirations sont dirigées vers la paix.

Un accord sur ce problème d'organisation pédagogique ne serait pas, je crois, très difficile à obtenir. Même si l'unanimité ne s'établissait pas dès le début, les bonnes volontés ne seraient point paralysées par la défiance: il ne s'agit pas ici de désarmer avant d'autres, mais au contraire de s'armer mieux que d'autres... pour la paix.

Si l'enseignement commercial était conquis, les écoles industrielles suivraient de près et la génération qui vient tirerait parti d'un des plus grands progrès humains qui se puissent concevoir.

Ce n'est pas seulement par des conférences diplomatiques ou des réunions d'experts que se consolidera la paix européenne. Seule l'opinion publique sera assez forte pour imposer des formules définitives et des conventions sans réticence. Il faut pour cela que la conscience populaire soit peu à peu conquise à un idéal intégralement pacifiste.

Les espérantistes ont formé, à côté de la Société des gouvernements, un embryon de Société des peuples. Répandus dans tous les pays, dans tous les milieux, dans toutes les professions, ils communiquent aux autres hommes le désir de se mieux connaître; ils établissent eux-mêmes à travers le monde un réseau continu de relations personnelles; ils luttent contre les préjugés tenaces, les haines scélérates et meurtrières!

Je vous félicite d'avoir si bien compris le grand devoir qui s'impose maintenant aux hommes véritablement civilisés et je souhaite que votre réunion à Genève fasse progresser la cause de l'espéranto, qui est aussi celle de la paix.

# XVIIe Internationaal Esperanto-Congres.

## GENEVE, 2 TOT 7 OOGST 1925.

## REDEVOERING VAN M. ANDRE OLTRAMARE, IN DE OPENINGSZITTING.

Mijnheer de Voorzitter,

Dames en Heeren,

Het is een weinig roemrijke rol, die mij dezen avond toegezegd is. In uw vergadering, welke haar tijd vooruitstreeft, ben ik, door het feit alleen dat ik mij in het Fransch uitdruk, de onwillekeurige vertegenwoordiger van een bijna vervallen beschavingstoestand. Ik gevoel me net als die barbaar, die in de Oudheid, op een Romeinsche markt van op de planken het volk toesprak in zijn eigen taal, om de nieuwsgierigheid op te wekken van datzelfde volk, dat met rede er fier op was een wereldtaal te spreken.

Ge kent mijn verontschuldiging: ik vertegenwoordig hier het kleine land dat gij uitgekozen hebt voor uw bijeenkomst; het betaamt, dat ik mijn officieelen plicht vervul met, van buiten af, d.i., in een nationale taal, de verdedigers van de internatioanle taal te groeten.

De Raad van de Zwitsersche Federatie, alsmede de Staatsraad der Republiek van Geneve hebben me de eer bewezen mij af te vaardigen, om aan al de deelnemers van het 17e Internationaal Esperanto-Congres hun hartelijkste welkomstgroeten over te dragen.

Geneve is geen zeer groote stad, doch zij is er fier op reeds van in de Oudheid, de bewaakster te wezen van een hoogst belangrijke brug in de geschiedenis der beschaving. Men ziet er geen schatten vervoeren, noch koopwaren opstapelen uit vreemde landen; neen, doch het is langs hier dat sedert honderden jaren de nieuwe ideeën hun weg vinden om zich over gansch Europa te verspreiden, naar 't Noorden en 't Zuiden, 't Oosten en 't Westen; het is hier dat gedachten gewisseld worden, die langzamerhand de wereld veroveren... Sedert eenige jaren is die geschiedkundige rol nog meer erkend geworden, daar het in onze stad is, dat de Menschheid nu haar pogingen vereenigt om zich van haar grootste kwaad te bevrijden: de internationale tweedracht.

In de stad van den Volkerenbond moet ge u thuis gevoelen; zij allen, die zich een persoonlijke moeite getroost hebben om een internationale taal aan te leeren, zij allen, die hun krachten wijden aan de verspreiding van de Esperantische beweging, bewijzen dat zij zelf een waren, internationalen geest bezitten. Dertig jaren van leven en bijval bewijzen, dat er hier geen sprake meer is van een hersenschim, maar van een

zeer praktische werkelijkheid. Zelfs uw aantal in deze zaal, waarin ge bijeengekomen zijt van uit alle streken van den aardbol, is een stoffelijk bewijs van den vooruitgang van uw vredelievende beweging. Wat moet er nog gedaan worden om de overwinning beslissend te maken? Het onderwijs der hulptaal moet tot stand komen.

Een tweejarige proefneming werd gedaan te Geneve, in de hoogste klasse van onze lagere scholen. Zij is gansch gelukt, en leverde het bewijs dat de kinderen, zonder moeite, na eenige maanden studie, gebruik kunnen maken van het Esperanto; zij hadden schik in hun lessen, en dank zij de studie van een spraakleer zoo logisch en zoo eenvoudig mogelijk,hebben zij ook met veel minder moeite een andere taal kunnen aanleeren.Deze vaststelling is niet verwonderlijk: men kan aan een kind niet dadelijk al de uitzonderingen en onregelmatigheden van een natuurlijke taal aanleeren; de opvoedkundige noodzakelijkheid zet dengene, die een klassieke of moderne taal aanleert aan, voorloopig een totaal kunstmatige vereenvoudiging te gebruiken; het Esperanto, waarvan al de uitdrukkingsmiddelen tot het uiterste vereenvoudigd zijn, verschaft de gelegenheid tot een zeer nuttige, voorbereidende oefening op de logische samenstelling van de taal.

Men heeft getracht er het Latijn tegenover te stellen. Ik spreek bij ondervinding: na 20 jaar werk, ben ik er nog niet van overtuigd al de schatten te kennen van dit taalkundig wonder, zoo eindeloos ingewikkeld. Het Latijn is een van de schoonste collectieve scheppingen van het Menschdom; doch, men moet het slechts bestudeeren met het oog op een onmetelijke psychologische aanwinst, zooals men zijn geest volmaakt door de beschouwing van de meesterwerken uit het Verleden; het voorstel, er voor het oogenblik een practische, internationale taal van te maken, zou gelijk staan met het plan, een statige, eeuwenoude basiliek te veranderen in een spoorwegstation.

Voor de handelaars, die goedkoopere reklaammiddelen eischen en die verlangen in briefwisseling te treden met een verspreide kliënteel, in streken waar de voornaamste talen totaal onbekend zijn; voor de ontwikkeling van het toerisme en voor de verspreiding der wetenschappelijke ontdekkingen, is er een hulptaal noodig, de «helpa lingvo», die gij voorstaat.

Het is de plicht van allen, die eerlijk den menschelijken vooruitgang willen, uw pogingen te steunen.

Laat me toe u een practischen raad te geven. Om uw verovering te voleindigen, gaat stap voor stap vooruit en vermijdt misverstand te verwekken. Het in te richten onderwijs mag in niets schaden aan dat van de moedertalen, en zelfs niet aan dat van de klassieke of vreemde talen. Dat Esperanto zich houde aan zijn rol van hulptaal tegenover de andere uitdrukkingsmiddelen. De studie van Esperanto weze om te beginnen slechts opgelegd aan die leerlingen, welke het beste in staat zijn, het onmiddellijk nut ervan voor henzelf te kunnen begrijpen. Zonder terughouding kan ik het besluit van de laatste Conferentie van Pa-

rijs goedkeuren, eischende «dat Esperanto verplichtend worde aangeleerd in al de handelsscholen van de gansche wereld». Hiermede moet men beginnen! Is het onmogelijk, dat deze onderneming beproefd worde door een groot aantal landen terzelfdertijd? Ik geloof het niet... De Staatsraad van Geneve heeft mij gelast u te melden dat, indien gij het oogenblik gekomen acht, hij van zijnentwege bereid is, de Bondsoverheid voor te stellen, een internationale Conferentie te beleggen, meer officieel dan diegene, waarvan in 1922, het Institut J. J. Rousseau, het initiatief genomen had.

Wij verlangen mede te werken aan elke gemeenschappelijke poging om den Volkerenbond nader te brengen tot het heerlijk ideaal dat de Menschheid had opgevat, op het einde van den oorlog. Geneve bestudeert op het oogenblik het ontwerp van een internationale Universiteit, waar de vraagstukken van wederlandsche politiek met de meeste onpartijdigheid zouden onderzocht worden; zij zou gelukkig wezen u te kunnen helpen om onder de menschen een nieuw middel tot onderlinge verstandhouding te ontwikkelen. Het onderricht van Esperanto verspreiden is misschien een van de meest practische methoden om een jeugd voor te bereiden, waarvan heel het streven naar den vrede gericht is.

Een akkoord op dit vraagstuk van opvoedkundige inrichting zou, denk ik, niet moeilijk wezen om te bekomen. Zelfs indien de eenstemmigeid zich niet van eerst af aan afteekende, zou de goede wil niet verlamd worden door het wantrouwen; er is hier geen kwestie van zich voor de anderen te ontwapenen, doch integendeel, zich beter dan anderen te wapenen...... ten voordeele van den vrede.

Ware het handelsonderwijs eenmaal gewonnen, dan zouden de nijverheidsscholen spoedig volgen en het opkomend geslacht zou de voordeelen genieten van een van de grootste menschelijke vorderingen die men zich denken kan.

Het is niet alleen door diplomatische conferentiën of samenkomsten van deskundigen, dat zich de Europeesche vrede zal bevestigen. Alleen de publieke meening zal voldoende macht hebben om afdoende voorschriften en openlijke overeenkomsten op te leggen. Doch hiervoor moet het bewustzijn van de massa stilaan gewonnen worden voor een geheel en al vredelievend ideaal.

De Esperantisten hebben naast den Bond der regeeringen de kern gevormd van een Volkerenbond. Verspreid in alle landen, in alle middens, in alle bedrijven, deelen zij aan de andere menschen het verlangen mede, zich beter te kennen; zij richten zelf over heel de wereld een net van persoonlijk betrekkingen in.Zij strijden tegen de hardnekkige vooroordeelen, de snoode en misdadige vijandschap.

Ik wensch u geluk zoo goed den plicht begrepen te hebben, die zich nu aan de ware beschaafde menschheid opdringt en ik hoop, dat uw samenkomst te Geneve een stap verder zal wezen in het vraagstuk van het Esperanto, dat ook datgene is van den vrede.

# BELGA KRONIKO.

ANTVERPENO. — La 9an de Julio, S-ro Armand Van Assche parolis pri Esperanto en Generala kunveno de «St. Ignatiuskring Club» antaŭ 25 ĉeestantoj, kaj uzis por sia propagando, la gramatiketon en flandra lingvo eldonitan de «La Verda Stelo».

ANTVERPENO. — Por festi la 5an datrevenon de sia fondiĝo, la Antverpena Grupo de Esperantistaj Diamantistoj organizis je la 27a de Julio festan akcepton en la granda salono «Centraal Schouwburg».

BRUĜO. — La 5an de julio, 22 membroj de la Bruĝa Grupo Esperantista partoprenis plezure, kun la bela nova flago, donaco de brita samideanino, Sinjorino Mac Leod,le sekvantaron, kiu eliris okaze de la Kolonia Tago.

La 8an de aŭgusto la Reĝino kaj la reĝidino vizitis Bruĝon okaze de la festoj organizitaj en la princa Beginejo.

La Bruĝa Grupo Esperantista, kiel ĉiuj urbaj societoj, estis invitita, sin trovi proksime de la stacidomo, por saluti la reĝajn gastinojn, ĉe ilia foriro.

Dudek gemembroj deziris reprezenti la delegitaron de la societo kaj bonhumoraj kiel ĉiam, kiam esperantistoj kunvenas, ili atendas malpacience kun sia flirtanta, bela flago, la trapason de la reĝa aŭtomobilo.

Plenplena je floroj, fine ĝi aperis: tiam Sinjoro Dervaux rapide kaptis la flagon dum la flagportisto tenis la flagstangon,kaj subtenante ĝin karesis la ĉapelon de la amata patrino de la honora Prezidanto de Belga Liga Esperantisto, kaj pli laŭte ol ĉiuj, nia simpatia sekretario kriis: «Vivu la Reĝino!» Lia brua entuziasmo havigis al nia flago kaj al ni tre amindan rideton de nia kara suverenino.

Ne kontenta pro tiom da atestoj de lojaleco, Sinjoro Dervaux proponis ke ni kuru tra la densa homamaso por vidigi duan fojon nian flagon. Ne prosperis al ni eniri la stacidomon, sed Sinjoro Dervaux kun sia firma volo, eniris kien al li estis malpermesate, lasante nin ĉe la alia flanko de la barilo; de tie ni tre bone povis vidi kion li estis faronta. Li rapidege parolis kun la stacisubestro kaj tuj li prenis la flagon kaj ĉiam kurante kaj saltante li alproksimiĝis la reĝan vagonaron. Sola, sur tiu loko de la perono, li klinigis respektplene la flagon ĉe l'trairo de la reĝa vagono. Videblaj estis ankoraŭ la ridetoj kaj salutoj de niaj respektegindaj gastinoj al nia esperanto-flago kaj al nia sindonema sekretario.

---

# BELGA GAZETARO.

ANTVERPENO. — «Concordia» (19-9): Alvoko por ĉeesti kurson de Esp. oficiale organizitan de la Sindikato por komerco kaj industrio.

«De Diamantbewerker» (19-9): Alvoko de la Antv. gr. de Esp. Diamantistoj por ĉeesti la oficialajn kursojn de la urbo.

«Gazet van Antwerpen» (24-9): Propaganda artikolo por la kurso de la Sindikato por kom. kaj. industrio.

«Neptune» (11-9) : Telegramo el Scarborough pri la decido de la Kongreso de la «Trade Unions».

«Nieuwe Gazet» (5-8): Tre optimista intervujo de S-ro Schoofs pri la stato de Esperanto.

BRUSELO. — «La Dernière Heure» (9-8); Konciza raporto pri la Int. Kongreso de Genève.

«La Gazette» (23-8): mok-artikolo pri la malkonsento inter Esperanto kaj Ido. Kiel kutime, estas videble, ke la redaktoro forgesis pristudi la internacilingvan demandon.

«Het Laatste Nieuws» (28-9): noto pri la movado en Meĥleno; (30-9): decido de la 24a Int. Kongreso por la Paco.

«Le Soir»: noto pri la Belga Kongreso en Verviers; (12-9): decido de la Kongreso de «Trade Unions»; la gazeto malice demandas, kiel fartas la diskuto inter Esperanto kaj Ido. Ni opinias, ke la faktoj plej bone respondas al tiu demando.

GENTO. — «La Flandre Libérale» (1-7): anonco pri la Internacia Universitato dum la kongreso en Genève; (3, 8, 8-9): tri leteroj el Genève de L. Leontin, pri la universitata semajno kaj pri la Internacia kongreso.

MEĤLENO. — «Gazet van Mechelen» (1, 7-8): komunikoj pri radioparoladoj en Esperanto; (28-9): anonco pri propaganda vespero kaj pri nova kurso organizitaj de la loka liggrupo.

LA PANNE. — «La Panne-Plage» (27-9): komuniko, ke la turista asocio sin okupos baldaŭ pri la organizo de la proksimjara kongreso nacia de «Belga Ligo Esperantista».

VERVIERS. — «Le Courrier du Soir» (26-8): Raporto pri la Katolika kongreso Esperantista, kiu okazis en Parizo de la 13a ĝis la 16a de Aŭgusto.

---

## RADIO-GAZETOJ.

«Radio - Belge», Bruselo 6-8: artikolo, kies titolo estas «Le problème linguistique». La aŭtoro mallonge klarigas la staton de tiu problemo kaj konkludas: «Kelkaj harfendulоj ĉiam konsideras, ke la demando pri lingvo internacia estas projekto efektivigota laŭ dudeko da tiel nomitaj perfektigaj. Ili forgesas, ke perfekteco ne ekzistas sur ĉi tiu mondo, kaj poste, ke la akiritaj faktoj estas argumento multe pli serioza. — La ideo mem pri helplingvo internacia forigas la plurecon de sistemoj; fakte, unu sola helpa lingva internacia estas vere vivanta: Esperanto».

---

## PROGRESOJ.

La kongreso de la Profesiaj unuiĝoj de Britujo okazinta en Scarborough decidis akcepti Esperanton kiel oficialan lingvon por siaj internaciaj komunikoj.

La 24a Internacia Kongreso de la Paco sidinta en Parizo akceptis jenan rezolucion:

« La kongreso deklaras ke ĝi estas favora koncerne la mondan helplingvon Esperanto; invitas ĉiugradajn edukistojn, ke ili uzu ĉiujn rimedojn por instruigi tiun lingvon kiel eble plej frue al iliaj gelernantoj. »

---

# KELKAJ VORTOJ PRI JULIUS SLOWACKI.

Julius Slowacki, unu el la plej grandaj polaj poetoj, naskiĝis en la urbo Krzemieniec en la jaro 1809a. Fininte siajn juristajn studojn ĉe la universitato de Vilno, li alvenis al Varsovio, kie li restis du jarojn kiel ŝtata oficisto. Poste li forlasis Polujon, kien li neniam plu revenis. Li vizitis multajn landojn, inter tiuj ankaŭ la Sanktan Teron.

Slowacki riĉigis la polan literaturon per multaj kaj belegaj verkoj, dramaj, lirikaj kaj epopeaj, kiuj distingiĝas per grandega fantazio kaj belkolora, plejpoeta stilo, ofte similanta al la orienta skribarto. Li ne priskribis la ordinaran, ĉiutagan vivon; liaj herooj ne estas mezepensantaj personoj, tial multaj el liaj verkaĵoj estas kompreneblaj nur de personoj posedantaj sufiĉan klerecon. Liaj plejkonataj verkoj estas: «En Svislando», belega lirika versaĵo, kie li prikantas sian amon al samlandanino kaj la admirindan svislandan naturon; «La patro de la pestuloj», priskribanta la doloron de patro, kiu perdis dum la pesto edzinon kaj ĉiujn siajn infanojn; «Himno al la sunsubiro ĉe la maro», kie per kortuŝantaj vortoj li bedaŭras esti tiel malproksima de sia patrujo. Li faris ankaŭ majstrajn dramojn de nacia kaj tiutempa tendenco, kiuj estas ankoraŭ ofte ludataj sur polaj scenejoj. Li mortis en Parizo post kvardekjara vivo.

R. S.

---

# PAROLADO DE HENRIKO SIENKIEWICZ

**dum la solena malkovro de la monumento de Juliuso Slowacki en Miloslav.**

La providenco, kreante la popolojn, riĉe superŝutis niajn prapatrojn per multaj donacoj. Ĝi donis al ili larĝajn kaj fruktodonajn terojn, ĝi donis al ili samtempe leonajn kaj kolombajn korojn, noblajn animojn kaj lertajn rezonojn, kapablajn por la plej altaj flugoj. Sed tio ne estis ankoraŭ la limo de la donacoj. Oni povus kredi, ke Dio, kreante la Polojn, diris al ili: «Jen por kompletigi mi donas al vi bronzon belsonan kaj nedetrueblan, tian el kiu la popoloj vivantaj antaŭ vi starigis monumentojn por siaj herooj; mi donas al vi oron brilan kaj flekseblan, kaj vi el tiuj materialoj faru vian lingvon. Kaj la lingvo naskiĝis, nedetruebla kiel bronzo, brila kaj kara kier oro, unu el la plej belaj de l'mondo, tiel grandioza, bela kaj sonoriĉa, ke nur la lingvo de antikvaj Helenoj povus al ĝi esti komparata. Ekaperis ankaŭ dum la fluo de l'jarcent-

oj multaj majstroj de l'vorto, kiuj el la bronzo faris kadron de l'harpo kaj el la oro ligis sur ĝi kordojn. Kaj tiam la pola harpo komencis kanti kaj prikanti la pasintan tempon. Iatempe ĝi bruegis kiel tondro en la montoj, iatempe ĝi flugetis super la ebenaĵoj; iatempe per alaŭdaj tonoj sonoris super la kampoj, benanta kaj benata, pura kiel larmo, Dia kiel preĝo, dolĉa kiel amo...

Kaj fine venis la plej granda el majstroj, Mickiewicz, kaj metante sur ĝin siajn inspiritajn manojn, eligis el ĝiaj kordoj tiajn sonojn, kiajn oni ne supozis antaŭe. Lia kanto finadis ie sur la sojlo de l'ĉielo, tiel grandioza, tiel preskaŭ netera, ke eĉ kiam li ĉesadis,

ŝajnis al ĉiuj, ke la majstro ankoraŭ ludas,
dum nur eho ludis...» (1)

La eho de polaj koroj. Kaj li priludis la tremon de niaj arbaroj, la tondrojn de niaj uraganoj, la kantojn de nia popolo, ĉion kion la koro povas senti kaj la imago elpensi kiel plej bela kaj grandioza. Kaj ŝajnis, ke la harpo atingis la zeniton, ke oni ne povos ankoraŭ ion aldoni al ĝi. Sed tamen troviĝis poeto kiu faris tion.

« Iru, tagiĝon petu purpuron,
Perlojn de l'roso, de l'nubo safiron;
Kaj se vi eble ie sur la ĉielo
Trovos pluvarkan fadenon,
Do metu ĝin sur ŝpinilon,
Kaj ŝpinu, ŝpinu, ŝpinu... » (2)

Tiu poeto estis Juliuso Słowacki.

Jes, li faris tion. Li ĉerpis plenmanojn da oro, da perloj, da brilegaj briliantoj kaj superŝutis per tio nian polan harpon tiel riĉe, tiel senlime, ke ĝi stariĝis antaŭ li kaj antaŭ ni en brileco kaj majesto neniam viditaj, kiel harpo-reĝino, antaŭ kiu fleksiĝas la genuoj de l'popoloj kaj kliniĝas la fruntoj kiel iam antaŭ la harpo de Davido. Jen lia merito, lia grandeco. La generacioj kun admiro demandos: kiel li kapablis kaj povis plenumi tion? Li kapablis, ĉar lia koro estis plena je poezio kiel neelĉerpeblaj marakvoj, kaj povis, ĉar nur al mortintoj oni ne povas ion aldoni. Ĉe viva princino oni ĉiam povas genufleksi kaj alporti trezoron kiel oferon, kaj tiu princino estis kaj estas ne nur viva, sed ankaŭ eterna.

Tradukis R. S.

(1) El «Sinjoro Tadeo» de Mickiewicz.
(2) El «Balladyna» de Slowacki.

# BELGA FESTORGANIZA KLUBO.

## RAPORTO PO LA KONGRESO EN VERVIERS (Pentekosto 1925).

Iam de diversaj jaroj la organizantoj de niaj belgaj kongresoj (precipe en malgrandaj urboj, kie loĝas nur malmulte da amikoj, aŭ kie ne estas multaj personoj kutimantaj praktiki ian arton), sentis malfacil-

aĵoj por dece organizi la vesperfeston, t. e. la parton eble plej interesan de la kongresoj, tiun dum kiu ni povas plej taŭge pruvi, ĉefe al la ne-esperantistoj, la ĉiuflankan kaj pli speciale la artan kapablecon de nia lingvo.

Estus do utile, ke estu kreata speciala organismo grupiganta ĉiujn belgajn geamikojn kiuj kapablas ĉu deklami, aŭ ludi teatrajojn, ĉu kanti, ĉu surludi instrumenton, ĉu traduki literaturajojn aŭ muzikaĵojn, kiuj helpus al la kunmetado kaj ludado de niaj ĉiujaraj programoj.

La atingo de tiu celo necesigos interkonsentan laboron kaj pridiskutadojn de la interesuloj inter si kaj kun la organizantoj de la diversaj kongresoj.

Pro tio, S-ro Delhez kaj mi, havis, jam de la monato marto lasta, la ideon kunigi en nova klubo ĉiujn gebonvolulojn, kaj tiacele ni tuj dissendis al la belgaj kluboj Esperantistaj kaj al de ni konataj getalentuloj, cirkuleron sciigantan pri la provizoro organizo de la Rondo kaj pri ĝia definitiva starigo dum la hodiaŭa kongreso.

Ni aldonu, ke la kreo de tiu kiubo estos por la parteprenantoj morala instigilo al proprama kunlaborado kaj multe influos la artan nivelplialtigon de la festoj.

Por la kongresorganizantoj la tasko estos multe faciligita ĉar ili trovos aron da geartistoj tutpretaj kun preparita programo.

Ĉar ia organizo de la nova klubo estas necesa, mi verkis de tiam, projekton de tre larĝanime konceptita Fundamenta Regularo, kiun ĉiuj partoprenantoj kaj partoprenontoj certe aprobos. Ĝi estas presita en la No 3-4 de «Belga Esperantisto» 1925.

Al tiu regularo ni aldonis novan peton por partopreno kaj ni havas la plezuron sciigi ke la jenaj geamikoj jam aliĝis al la klubo, pruvo ke la ideo estas simpatie aprobita: Ekster la du iniciatintoj:

EL SPA: F-inoj Maria Deru kaj Jenny Borckmans, S-roj Gerard Borckmans kaj Jean Desonay.

EL BRUĜO: F-inoj Yvonne Thooris, Andrée Algrain, Céleste kaj Alice Boereboom, Marie Bultke, Maria Dotselaere, Henriette Ronse, Alice Victoor. S-roj Gustave Dotselaere, Auguste Haelewijn, Charles Poupeye.

EL GENTO: F-ino Eugenino Colijn, S-ino De Bisschop, F-inoj Paula Deltombe, Jeanne Doutreligne, Malvina Soete, S-roj A. De Maertelaere, Nové, Rombaut, Ges-roj Van Haute-Bertin.

EL BRUSELO (Forest kaj Uccle): S-ino Yvonne Hendricx-Colijn, Ges-roj Somerling-Colijn.

Mi devas aldoni ke ĉefe nia bonega samideanino F-ino Thooris estis eksterordinare agema je la varbado de la Bruĝaj gealiĝintoj kaj ni estas speciale dankaj al ŝi.

Ĉiuj ĝis nun aliĝintoj estas konsidereblaj kiel membroj-fondintoj.Je ilia nomo kaj la nia ni deklaras definitive starigita la novan «Rondon», kiun ni proponas titoli; «BELGA FESTORGANIZA KLUBO». Ni dankas la gealiĝintojn pro ilia tuja favoro al la entrepreno.

Ni esperas, ke multaj aliaj geinteresuloj bonvolos ankaŭ aliĝi, ĉar kiel ni jam diris en nia unua cirkulero, oni povas facile kompreni kiel larĝa kaj interesa kampo estas trairebla de la gebonvoluloj kaj kiel utilegan laboron ili povos liveri ne nur al siaj naciaj sed ankaŭ al la alilandaj eĉ al la internaciaj kongresoj kaj al nia tutmonda literatura kaj muzika trezoro Esperanto, kiun ili povos larĝe pliriĉigi.

Tial ĉiuj gebonvoluloj sin turnu al mi por sia aliĝo.

Post kelkaj tagoj mi prenos sur min organizi la voĉdonadon por la tri komitatanoj laŭ Art. 5a. de nia regularo kaj petos skriban aprobon de la fundamenta Regularo, kaj tuj poste ni eklaboros por la festo de nia proksimjara kongreso.

Je la nomo de la iniciatintoj:
La Raportanto: L. COGEN.

---

Estas nomitaj gekomitatanoj: F-ino Thooris (Bruĝo), S-ro L. Cogen (Ninove) kaj S-ro Delhez (Verviers). Ĉi tiuj interkonsentis ,ke S-ro Cogen estu «Klubestro». Adreso: 52 Dreef, Ninove.

---

## ESPERANTIGITAJ KANTOJ POR KONCERTOJ.

S-ro L. Cogen, Dreef 52, Ninove, sciigas ke lia kolekto de Esperantigitaj kantoj (1) pliriĉiĝis per kvin novaj verketoj tradukitaj de li mem:

1) Ario el «Samson kaj Dalila» (Mon cœur s'ouvre à ta voix);

2) «Hérodiade» (Celui dont la présence apaise toute peine);

3) «La Reine de Saba» (Plus grand en son obscurité);

4) «Al Fianĉino», paroloj de Victor Hugo, trad. de L. Cogen; muziko de T. Valdury.

5) «Harpkanto», poeziaĵo de Joost van den Vondel, traduko en ritmita prozo de L. Cogen, muziko de Jan Blockx.

Tiu informo speciale koncernas la organizontojn de festoj.

(1) Vidu B. E. Nov.-Dec. 1924 paĝo 135.

---

## RECIPROKA UTILECO DE ESPERANTO KAJ STENOGRAFIO.

---

### PENTEKOSTO 1925.

---

### RAPORTO POR LA KONGRESO EN VERVIERS.

Laŭ opinio de unu el la ĉefaj direktantoj de la Esperanta movado, S-ro Edmond Privat, la kongresoj Esperantistaj devas ekster la amuzaĵoj ne konsisti el nuraj administraj kunvenoj dum kiuj oni legas longajn, tedajn raportojn pri nia dumjara situacio, k.c. tiu parto devas esti

kiel eble plej mallongigita se ne estas eĉ rimedo ĝin tute forigi, kaj esti aliformata en somera kursaro, en «internacia Universitato» se tiu esprimo ne ŝajnas al vi tro grava. Kaj la nunjara Internacia kongreso de Genève realigos tiun programon je la unua fojo.

En niaj belgaj kongresoj ni jam iomete eniris tiun vojon, enskribinte en niaj tagordoj ian aŭ alian sciencan temon mallonge traktitan de unu el niaj kolegoj.

Estas, se ne tute, almenaŭ iom en tiu sama senco ke mi, laŭ dezire esprimita de S-ro Flageul, prezidanto de la «Internacia Asocio de la Esperantistoj - stenografiistoj», diros al vi kelkajn vortojn pri la reciproka utileco de Esperanto kaj de stenografio.

Flanke de ĉiuj tialoj, kiujn oni povas diri por ĉiuj gepatraj lingvoj, oni rimarku, ke la stenografio, kvankam ĝi estas jam malnova elpensaĵo, estas progreso kompare je la ordinara skribo: ĝi ebligas al ni noti niajn ideojn je la momento de ilia naskiĝo en nia cerbo, en ilia unua plej ofte plej bona formo; ĝi ebligas ankaŭ la rapidan kopion de tekstoj kies transskribo estus longega per la ordinara skribo, k.c. kaj nun ĉar ĝi estas progreso, la Esperantistoj, kiuj estas progresemuloj, devus ĝin favori; sed eĉ io tute necesa ĝi fariĝas por la Esperantistoj, ĉar en niaj internaciaj kunvenoj — kaj ĉi tiuj ekestas ĉiam pli multenombraj kaj pli gravaj — oni pli kaj pli bezonas praktikajn stenografiistojn por noti la paroladojn, diskutojn, lecionojn k.c. faritajn en la L. I. — Plie venos, post nelonga tempo, la momento kiam en la komerca kaj en aliaj fakoj, oni bezonos stenografiistojn kapablajn skribi ne nur en la naciaj lingvoj sed ankaŭ en Esperanto, pro la ĉiam disvastiĝanta uzado de nia lingvo en ĉiuj agokampoj.

Nu, Esperanto ne povas sin montri malpli taŭga en la stenografia fako ol en ia alia agadkampo homara; tial la Esperantistoj havas la devon peni por kleriĝi en la stenografio kaj fariĝi en ĝi lertaj praktikantoj.

Tiel agi fariĝos cetere pli kaj pli profitdona al ili.

Sed, pro la samaj motivoj de la disvastiĝado de Esperanto en la mondo kaj de la profitdoneco, tiuj kiuj jam estas stenografiistoj devas nepre lerni tiun lingvon, se ne, venos tago, je kiu ili, ne plu sufiĉos por la tasko por kiu ili estos dungitaj ĉu en kongresoj, ĉu en komercaj firmoj, kc. en kiuj Esperanto, post mallonga tempo certe eniĝos kaj trudiĝos. Plie, bona kono de Esperanto ebligas la akiron de pli ĝusta konado de la nacia lingvo (tion montris jam la sperto), kaj ofte la estroj de komercaj firmoj nun plendas pro nesufiĉa instruiteco de siaj gestenografiistoj je nacilingva vidpunkto, ĉu gramatika, ĉu sintaksa, ĉu stila.

Sed ni ne kontentiĝu je teoriaj vortoj; ni devas klopodi praktike por disvastigi kaj realigi la ĵus klarigitajn ideojn. Kiel? Almenaŭ je tri manieroj cetere kune uzeblaj: 1) lernante mem stenografian sistemon; 2) Aliĝante al la aludita Asocio starigita de S-ro Flaguel, Asocio, kies celo estas precize la reciproka disvastigo de Esperanto kaj stenografio, kaj kiu, de sia mallonga ekzisto, — ĝi fondiĝis dum Septembro 1923a.

— montris grandan kaj efikan agemecon; efektive ne nur ĝi instigis la organizon de stenografiaj kursoj en Esperantistaj medioj, kaj de Esperantaj kursoj en stenografiaj medioj, sed ĝi aliĝis al diversaj kongresoj kaj konferencoj, ekz., al la kongreso de la franca Asocio por la progresigo de la sciencoj, al la stenografiaj kongresoj en Lausanne kaj en Charleville (en kiu lasta ĝi igis eldiri gravan deziresprimon); kaj al la ĵus en Parizo okazinta Internacia Teknika Konferenco.

Ĝi penas por alfarigi la naciajn sistemojn stenografiajn al Esperanto, formas bibliotekon stenografian, verkas Esperantistan Teknikan vortaron steno-skribmaŝinan, kaj de sia fondo eldonas ĉiumonate ĵurnalon titolitan «Internacia Stenografiisto» kiu jam enhavis tre interesajn artikolojn stenografiajn kaj pli ĝenerale, skribosciencajn, k.c.

3) La tria ĵus anoncita rimedo konsistas el la eldirado de deziresprimoj en kongresoj Esperantaj, kiel la hodiaŭa, aŭ stenografiaj, aŭ en aliaj organismoj. Tial, je la nomo de l'dirita Internacia Asocia de la Esperantistoj - Stenografiistoj, mi proponas, ke nia kongreso faru la jenan deziresprimon (la kongresoj ja tre taŭgas por fari deziresprimojn): «Por elpi la normalan disvastiĝon de Esperanto, estas dezirinde ke ĉiuj Esperantistaj organismoj instigu siajn membrojn al lernado de Esperanta Stenografio; aliparte, por pligrandigi la profesion valoron de la stenografiistaro, estas dezirinde ke ĉiuj stenografiistaj Societoj instigu siajn membrojn al lernado de Esperanto.»

---

Kompreneble mi instigas ĉiujn gekongresanojn aliĝi al la «Internacia Asocio de la Esperantistaj-stenografiistoj», kaj, kvankam tio deflankiĝas de ĉi tiu raporto, mi profitas je la havo de la parolvico por ankaŭ instigi la Esperantistojn al konatiĝado kun la Aŭtonoma Muziknotado kaj al membriĝo en la Internacia Asocio por la propagando de la Aŭtonoma Muziknotado. Oni vidu la afiŝojn pri ambaŭ Asocioj ĉi-tie pendantajn.

L. COGEN.

---

# RAKETO EBLIGANTA ATINGI LA LUNON.

La demando estas denove pri la atingo de la luno. La «Morning Post» dediĉas kolonon al la eltrovaĵo de profesoro R. H. Goddard, kiu elpensis raketon laŭ nova tipo per kiu li supozas havi ĉiun ŝancon por atingi nian sateliton.

La principo de la Goddard'a raketo ne estas ja nova. La raketo enhavas multoblajn eksplodŝarĝojn, kiuj, ekflamantaj kaj «raketkurantaj» unu post alia, produktas senĉesan antaŭenpuŝadon. Originala perfektigo konsistas en la fakto ke la raketo estas kunmetita el artikigitaj pecoj kiuj malalligiĝas kaj falas laŭmezure ke la ŝarĝo kiun ili enhavis estas konsumita. Tiamaniere, la raketo plimalpeziĝas dum sia antaŭenirado.

La profesoro supozas ke raketo kun 18-20 milkilogramoj estus sufiĉa por atingi la lunon.

Lasta ŝarĝo eksplodus je l'momento de la surluna alveno kaj produktus flamgarbon kiu pruvus al la astronomiistoj ke la raketo bone alvenis.

El la «Flandre Libérale» tradukis
L. COGEN,
kiu deziras bonan ŝancon al prof. Goddard kaj al ties fama raketo!

## 12AJ INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ 1926.

### ALVOKO.

**«Kataluna Esperantisto» publikigis la unuan serion de premioj kaj** kondiĉoj por partopreno en la jaraj «Floraj Ludoj 1926». Jen resumo:

Ekzistas kvar ordinaraj temoj: originala versaĵo kantanta amon, originala ama verko en prozo, du tradukoj el la kataluna lingvo. Plie ekzistas eksterordinaraj konkursoj kun temo laŭvola aŭ difinita.

La verkoj prezentotaj devas esti verkitaj en Esperanto kaj ne ankoraŭ eldonitaj aŭ anoncitaj.

La manuskriptoj, kiuj portos surskribitan devizon, devas esti ricevitaj antaŭ la 15a Februaro 1926 ĉe la sekretario de la Floraj Ludoj, S-ro Josep Ventura, Carrer Creu, 75, Terrassa (Katalunujo) akompanataj de fermita koverto,kiu surhavos la saman devizon kaj entenos la nomon kaj adreson de la verkinto.

La laŭreato de la ama verko ricevos la kutiman naturan floron, kaj rajtos elekti la reĝinon de la festo okazonta en Santa Colona, en Majo.

La aŭtoroj de la kvar premiitaj ordinaraj temoj ricevos luksan ekzempleron de la verko «Kataluna Antologio». Krome oni donos atestan diplomon al ĉiu laŭreato.

La premioj de la eksterordinaraj temoj estas sumoj de 25 ĝis 100 Pesetoj.

La manuskriptoj ne estos resendataj. La listo de la premiitoj aperos en «Kataluna Esperantisto» kaj en aliaj gazetoj, kiuj bonvolos ĝin represi. Ĉiujn detalojn pri la Floraj Ludoj publikigas la gazeto «K. E.», kies jarabono kostas 6 svisajn fr. aŭ 1.50 usonajn Dol. aŭ egalvaloron efektivigeblan en Barcelono. Ĝia adreso estas en Barcelono, Carrer Valencia 245.

## GRATULOJ.

Al Gesinjoroj **René Groenweghe - Armirotto,** membroj de la grupo «La Verda Stelo», Antverpeno, pro la feliĉa naskiĝo de ilia fileto Leono, la 31an de Aŭgusto 1925.

## NEKROLOGO.

**D-ro Paul Nuyts,** Kavaliro de la Honora Legio, Prezidanto de la societo «Esperanto kaj komerco», Parizo, mortis en Lannion, la 18an de Aŭgusto 1925, 56 jara.

Li estis fervora esperantisto kaj ludis gravan rolon en la agado por la internacia lingvo iniciatita en la Komerca Ĉambro de Parizo, agado kiu naskis jam tiom da bonaj rezultatoj por Esperanto.

Je la nomo de ĉiuj Belgaj samideanoj ni prezentas al lia vidvino kaj al liaj kvin gefiloj la esprimon de nia plej sincera kondolenco kaj profunda simpatio.

---

**Constant Corneel Vercruyssen**, lernanto de la urba normala lernejo, membro de la Esperantista Junularo de Antverpeno, akcidente mortis la 23an de Aŭgusto. Li estis nur 16jara kaj lernis Esperanton antaŭ tri jaroj. Al la gepatroj de nia melfeliĉa juna amiko ni prezentas nian plej sinceran partoprenon en ilia doloro.

---

# DIVERSAJ INFORMOJ

— La franca monata revuo «INDEX» des industries du Cuir et des Matières s'y rattachant »publikigas en sia Junia numero tutpaĝan raporton pri la komerca konferenco en Parizo. Ĝi kutime uzas por siaj titoloj diversajn lingvojn, inter kiuj Esperanton.

— Por propagando en TEKNIKA KOMERCA KURSO petas alsendon de ĵurnaloj, revuoj, uzitaj libroj, en kaj pri Esperanto: Prof. Raphael de Souza Nogueira, Miracema, E. do Rio, Brazilio.

— «La FEDERACIO DE LA MONDO», nova edukada movado por certigi mondpacon per kooperativa rekonstruado, ankaŭ uzas Esp. por sia propagando. Kiu deziras informojn sin turnu al S-ro Colin Unwin, P. O. Box 47, Fremantle, W. Aŭstralio.

— La DIVERSAJ ESPERANTO-GRUPOJ en SHANGHAI dissendis en Esperanto redaktitan «Alvokon al la justa juĝo de la tuta mondo pri la hombuĉado de anglaj policistoj en Ŝanĥajo»: Adreso: Esperanto Asocio, K. 7 Boone Load, Shanghai, Ĥinujo.

KIU DEZIRAS RICEVI SENPAGE BELAN LANDKARTON DE SVISUJO, kun 12 plej pentrindaj vidaĵoj, kaj kun klariga teksto en Esperanto, skribu poŝtkarton al la belga ĉefdelegito de U. E. A., 11 Kleine Hondstr., Antverpeno.

Ni speciale rekomendas tiun landkarton al niaj samideanoj el la instrua fako: ĝi tre utilos al ili en la lernejo, kie ĝi samtempe estos bonega propagandilo.

LA RIDANTA ESPERANTISTO estas la titolo de nova monata ilustrata gazeto de bonhumoro. Petu specimenon al la redakcio: Bahnhofstrasse 24 A, Elze (Hanover).

ASSOCIAÇAO PORTUGUESA DE ESPERANTO estas fondita. — Adreso: Rue da Graça, 31, Lisboa. Sekretario: S-ro Adolfo Aŭgusto Nunes.

ONI DEZIRAS AĈETI laŭ akceptebla prezo jenajn verkojn:

PH. BERGE. — Histoire de l'écriture dans l'antiquité.

COUTURAT ET LEAU. — Histoire de la langue universelle.

AZEVEDO. — Les inventions de Mr. Aimé Paris.

G. ROLIN. — La mémoire développé en 5 leçons.

ALMANACH HACHETTE: la volumojn aperintajn antaŭ 1895, tiujn eventuale aperintajn dum la milito kaj la jaron 1921.

REVUO «MUSICA»: La muzikan tekston de N-oj 1, 5, 6, 7, 8, 9, 10, 85; la ilustritan de N-oj 8 kaj 10.

Kiu konas plenan libron pri la Historio de la skribo, kompareblan al la «Histoire générale de la Sténographie» de S-ro Navarre?

Informojn kaj kondiĉojn sendu al S-ro L. Cogen, Dreef, 52, Ninove.

---

## SPRITAJOJ.

VENĜO.

Barbiro, al sia faklernanto. — Jozefo, aŭtomobiliston vi povas razi... li ja mortveturis nian anseron.

---

Generalo (al rekruto). — Ĉi vi scias, kiu mi estas?

Rekruto. — Jes, Moŝto, vi estas la generalo.

Generalo. — Kiel vi tion scias?

Rekruto. — La serĝento diris: Jen tiu kun´sia ruĝa nazo kaj siaj orelegoj estas la generalo.

---

ĈE LA TRAMHALTO.

Snobo, — Kio! Ĉu tiu arĥo de Noaĥo denove estas plenplena?

Veturigisto. — Ja ne. La simio ankoraŭ mankas. Vi povas enmarŝi, sinjoro.

---

Kia estas la malsimilaĵo inter kinematografo, Radiofonio kaj la salajrpligrandiĝo al vi promesita?

La unuan, ni vidas sed ne aŭdas; la duan ni aŭdas sed ne vidas; kaj la trian ni nek vidas, nek aŭdas!

---

INTER GEFIANĈOJ.

Li. — Ĉu mi devas nun paroli kun via patro?

Ŝi. — Ho ne, ne kun li!

Li. — Kun via patrino do?

Ŝi. — Ne, ne! Vi devas unue demandi al la kuiristino, ĉu ne ĝenas al ŝi, ke estu unu plia persono en la familio!

---

EN KONDROS'O.

La komunuma sekretario de vilaĝo el Alta Kondroso ricevis la viziton de vilaĝano:

— Mi venas deklari la morton de mia bopatrino.

— Je kioma horo ŝi mortis?

Kaj la alia palpebrumante:

— Ŝi ne jam mortis, sed la kuracisto diris, ke ŝi mortos post du horoj!

# BIBLIOGRAFIO.

## LITERATURA FAKO KAJ DIVERSAJOJ.

Esperanta Biblioteko internacia. No 7, EL DRAMOJ. — Fragmentoj de Ifigenio en Taŭrido de Goethe kaj de la Rabistoj de Schiller, tradukis Dr L. L. Zamenhof, 48-paĝa, 14 x 9 cm-oj, 2-a eldono (4a-8a miloj), prezo 0.30 Gm.

AMORO KAJ PSIĤE, de Lucius Apulejus, tradukis Emilio Pfeffer, 56-paĝa, 14 x 9 cm-oj, 2a eldono (4a-8a miloj) Prezo 0.30 Gm.

Elektitaj verkoj, kies legado estas konsilinda al ĉiuj esperantistoj.

HOMARO. — 1-a kajero, eldonita de Julio Mangada Rosenörn, Glorieta de Bilbao, 5, Madrid, Hispanujo. Neabonebla, nur aĉetebla, 1 respondkuponon specimeno, 5 svisajn frankojn 50 ekzemplerojn. 20-paĝa, 15 x 10 cm-oj. Deklaracio pri homaranismo kaj tri rakontoj. Bona esperanta verko, facile legebla.

POŜKALENDARETO POR JUNAJ ESPERANTISTOJ 1925, kompilis Rudolph Pivl, eldonis Tutmonda Esperanto Asocio Junulara, Leipzig. 72-paĝa, 12 x 8 cm-oj, 0.50 svisaj frankoj. — Utila libreto, kiu, krom kalendaro por la jaro 1925, enhavas interesajn sciigojn pri la esperanta movado.

---

## KOMERCA FAKO.

PREPARAJOJ DE TUTMONDA INTERESO. 8-paĝa, 17 x 10 cm-oj. Reklamilo sendita de la firma Burroughs, Wellcome and Ko, el Londono.

SPECIMENAJ FOIROJ. — Pli kaj pli la organizantoj de la foiroj komprenas la utilecon de helpa lingvo por veki la intereson de la komercistoj. Tial, ni povas hodiaŭ skribi pri la sekvantaj ricevitaj reklamiloj:

INTERNACIA SPECIMENA FOIRO DE LYON 1925; 6-paĝa 20 x 12 cm-oj.

IV-a SVISA SPECIMENA FOIRO, Basel, 1925, 4-paĝa, 15 x 11 cm-oj.

IV-a DANZIG-A INTERNACIA FOIRO, 1925, 2-paĝa, 20 x 23 cm-oj.

VI-a INTERNACIA SPECIMENFOIRO DE REICHENBERG, 1925, 8-paĝa, 15 x 11 cm-oj.

PRINTEMPA FOIRO DE FRANKFURT-am-MAIN, 1925, 4-paĝa, 25 x 26 cm-oj.

ĜENERALA SPECIMENFOIRO KAJ FOIRO POR TEKNIKO KAJ KONSTRUFAKO EN LEIPZIG, 1925, 4-paĝa 20 x 22 cm-oj.

Kun tiu-ĉi reklamilo, la foiro sendas lukse eldonitan broŝureton 32-paĝa, 22 x 14 cm-oj, titolitan: LA EVOLUO DE LA LEIPZIG-A FOIRO, kies legado estas tre interesa.

# Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

18, RUE NEUVE, 18 -- LEDEBERG - APUD - GENTO

TELEGRAF-ADRESO: "PERFECTA„ GENT

TELEFONO: 635

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj.

Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.

Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.

Stupo. Kaŭĉuko. Klapoj. Rimenoj.

Kotonrestajoj por purigi maŝinojn.

# NEW ENGLAND

RUE AUX VACHES -- GENTO

TELEFONO 618

Antaŭfaritaj kaj laŭmezuraj vestajoj

# AU BON GOUT

NOVAJOJ KAJ LANAJOJ
por sinjorinoj
Artikloj el silko kaj veluro

# Edzino De Groote-Van de Velde

30, RUE DIGUE DE BRABANT, 30

Specialeco de Negliĝoj
Bluzoj kaj Jupoj

GENTO